13-a jaro. — N-ro 11 (153) NOVEMBRO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO : Fr. 20,—

EKSTERLANDE : Belgoj 5.—

ANTVERPENO

1927

13a JARO N-ro 11 (153) — 192 — NOVEMBRO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS, 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen. Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj: FERN. MATHIEUX, 94, Avenue Bel-Air, Uccle. Poŝtĉeko No 39984.

**Konstantaj kunlaborantoj**: M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BABILADO

### PERSONA PROPAGANDO

De kiam aperis mia antaŭa babilado, mia korespondanto el W. reskribis al mi. Li protestis, ke, se estinte li estis juna kaj aerveturisto, nun li jam plu estas nek unu nek alia. Mi ne insistas pri la «alia», sed ja pri la «unu», ĉar tiu «unu» reprezentas viglan tridekdujarulon kaj vere, se mi ankoraŭ havus la ŝancon esti nur tridekdujara, mi neŝanceliĝante kvalifikus min «juna»!

Sed ni transiru al temo pli serioza. Nia tridekdujara amiko skribas interalie: «En mia rondo mi faras kiel eble plej bone por varbi adeptojn», kaj li citas diversajn faktojn pruvantajn, ke efektive li faras tre ageman propagandon personan inter siaj aerveturistaj kamaradoj. Bonega ekzemplo, bonega propagandmaniero! La persona propagando estas unu el la plej efikaj rimedoj por progresigi nian idealon. Ĝin uzadis de l'komenco nia Majstro, ĝin uzadis niaj unuaj pioniroj,ĝin uzadas miloj da nunaj amikoj en la tuta mondo. Estas ja kelkaj,kiuj eble ne kuraĝas uzi tiun rimedon pro timo al moko; sed dependas de ni,tuj ŝanĝi la mokadon en intereso per la donado de kelkaj malmultvortaj sed trafaj argumentoj, kaj el tiaj argumentoj ni posedas nuntempe tutan arsenalon: sufiĉas, ke ni ilin bone enkapigu kaj, en la ĝusta momento, dum iu kunveno aŭ dum ia interparolado «elpiku» tiun ĉi aŭ tiun el ili, kiu estos, laŭ la cirkonstanco la plej trafa. Sed, ni evitu trolongigi nian pledadon,por ne igi nin konsideri kiel teduloj aŭ maniuloj; ni estu kapablaj tuj reparoli pri aliaj aferoj. Sufiĉas, ke ni estu disĵetintaj la semon en la oportuna momento kaj ni certe vidos alveni al ni la personojn ekinteresiĝintajn pro nia «parentezo» kaj demandi nin pri pluaj detaloj! Persone mi ofte spertis tion kaj preskaŭ ĉiufoje tiuj interesiĝantoj fariĝis poste kaj restis konvinkitaj samideanoj. Geamikoj, ne forgesu fari personan propagandon! Ĝi estas la plej efika kaj la malplej mon-elspeziga!

L. COGEN.

# BELGA KRONIKO

AALST. — Dank'al novaj klopodoj de nia nelacigebla pioniro Samideano Bas, kiu disĵetis la bonan semon en Aalst, Esperanto-kurso okazos nun kaj ni baldaŭ havos tie novan grupon kun ĉirkaŭ 50 membroj.

ANTVERPENO. — «La Verda Stelo». — Sabaton, la 22an de Oktobro, Sro Charles Van der Veken rakontis plej agrable kelkajn historietojn tre malnovajn.

La 29an de Oktobro la grupo amike akceptis Sron E .E. Guerra, el Tampico. La salono de la «Brasserie de la Bourse» estis plena. Sro M. Jaumotte,prezidanto de la Direktanta komitato, prezentis al la ĉeestantaro nian simpatian Meksikan samideanon, kiu poste plej agrable kaj klare paroladis pri sia hejmlando: tre interesajn detalojn li donis pri la vivo, la moroj kaj kutimoj de Meksikujo. Humorplene li ankaŭ rakontis, kiel li iĝis Esperantisto, en 1906. Laŭta aplaŭdo salutis la lastajn vortojn de Sro Guerra kaj montris la dankon de la aŭskultantoj, kiun konfirmis Sro Jaumotte. Je la nomo de «Belga Ligo Esperantista», Sro Schoofs, prezidanto, dankis la gaston pro liaj propagandaj vizitoj en Belgujo kaj deziris al li favoran daŭrigon de lia vojaĝo, petante, ke li transdonu la saluton de la Belgaj samideanoj en la de li vizitotaj landoj.

Koncerto, dum kiu sin aŭdigis Sino Faes, Finoj Jacobs, Van Bockel kaj Vervloet agrabligis la tutan vesperon, kiu finiĝis per intima dancado.

«La Verda Stelo» organizos novan kurson, kies unua leciono okazos la okan de Decembro. Poste ĝi daŭros ĉiun jaŭdon je la 20a horo en la urba instituto, Belgiëlei, 99, Avenue de Belgique. Varbu lernantojn!

La Esperantista Klubo de «Baden Powell» Knabskoltoj invitis Sron F. Schoofs paroladi pri Esperanto antaŭ la Antverpena trupo la 10an de Novembro. Sro Van Gulck, prezentis la paroladiston al la ĉeestantoj, inter kiuj estis kelkaj ĉefgvidantoj de la loka knabskolta organizaĵo. Post la pledado de nia propagandisto, okazis vizito al tre interesa kaj bone provizita Esperanto-ekspozicio por kiu zorgis Sroj Van Gulck kaj Van den Eynde.

En la «Studiekring» de Luythaegen (Mortsel) paroladis Sro Eug. Seghers, la 6an de Oktobro, pri Esperanto kaj ĝia historio, li instigis la ĉeestantajn junulojn al la lernado de nia lingvo. Loka gazeto «De Katholieke Eendracht» favore raportis pri la propaganda parolado de nia samideano.

Sro Const. Simons, gvidas kurson kun 14 lernantoj en «Vlaamsche Nationalistische Wacht» de Merxem.

BRAINE L'ALLEUD. — Sro Bas daŭrigis tie sian bonan propagandan laboron kaj la 22an de Oktobro li malfermis novan kurson por dektrio da novaj lernantoj.

BRUSELO. — «Brusela Grupo Esp.» — La 26an de Oktobro la grupo organizis intiman feston en la «Maison des Etudiants« je la honoro de Samideano E. Guerra, Poŝtestro en Tampico, kiu vizitis Bruselon.

Lundon 31an de Oktobro okazis perfektiga kurso.

Lundon 7an de Novembro je la 20 1/2 en la postlerneja klubo «La Besace» 27, rue Edith Cavell, Uccle, publika parolado de Sro Cogen, Vicprezidanto de «Belga Ligo» pri la internaciaj rilatoj kaj Esperanto (kun lumbildoj).

Jaŭdon 10an de Novembro en Popola Universitato (Urbdomo), Place Communale, Uccle, parolado de Sro Mathieux, kasisto de «Belga Ligo» pri «Du progresoj kompletigantaj unu la alian : Esperanto kaj Radiofonio (kun lumbildoj).

Lundon 14an de Novembro: Ĝenerala kunveno en la grupejo.

Tagordo: 1) Nia estonta agado. — 2) Stenografia rondo. — 3) Diversaĵoj.

Lundon 21an de Novembro 20 1/2 en la lernejo Place de la Duchesse, Molenbeek St. Jean, parolado de Fino Jennen, Lernejestrino, «Esperanto ne plu estos Utopio» (kun lumbildoj).

Novaj kursoj jus komenciĝis je la 19 1/2 sabate en «Institut Sténographique», Place Anneessens, kaj komenĉiĝos: la 22an je la 20an en la lernejo 62, rue du Doyenne, Uccle; la 23an je la 19 1/2 en la lernejo Place de la Duchesse, Molenbeek St-Jean; aliaj kursoj estas antaŭvidataj.

**Brusela Grupo.** — La grupo reelektis jene sian komitaton:

Prezidanto: Dro Kempeneers; Sekretario: Sro Castel; Helpsekretario: protokolisto; Sro Haillez; Kasisto: Sro Vanderlyn; Bibliotekistino Fino Obozinski; Komitatanoj Sino Biesterfeld kaj Sro Somerling.

**Bruselo.** — Sro Bas faris propagandan paroladon por ĉirkaŭ 70 anoj de la Socialista Radio - Klubo, kiuj aĉetis la ruĝan broŝuron kaj tre interesiĝis pri nia movado. Baldaŭ nia amiko Bas malfermos novan kurson en tiu klubo.

GENTO. — Nova kurso komenciĝis la 12an de Oktobro. La 29an de Oktobro okazis granda arta kaj propaganda festo, kiu plene sukcesis morale kaj finance.

MEĤLENO. — La 7an de Septembro, Sro Salvatoro faris tre interesan paroladon pri ĥemio en diversaj kampoj: industria, kuracista, agrikultura kaj polica. Kelkaj eksperimentoj agrabligis la paroladon, kiun la ĉeestantaro, kore gastigita de Sro Talboom, multe aplaŭdis.

La 11an de Septembro kelkaj samideanoj ĉeestis la akcepton de Dro Asada, organizita de «Verda Stelo» el Antverpeno.

La 19an de Septembro, la grupo ricevis la viziton de Samideanoj de la Brusela grupo kaj de «Verda Stelo» el Antverpeno. Sroj Dro Andries, Baesens kaj Van Camp, lerte gvidis ilin tra la episkopa urbo.

Agrabla vespermanĝo en restoracio «De Drie Peerdekens» kunigis la geamikojn. Sro Schoofs kaj Dro Kempeneers kore dankis la organizintojn pro la kora kaj agrabla akcepto. Poste okazis Sonorilarkoncerto kaj dancado.

SANKTA NIKOLAO. — La grupo plej kore festis sian prezidanton Sron De Boes, okaze de lia edziĝo kaj forlaso de la urbo. Sro Geerinck, Vicprezidanto, en brila parolado gratulis kaj dankis Sron De Boes, kiu estis vera esperantista pioniro en Sankta Nikolao. Je l'nomo de la grupo li donacis belan memoraĵon kaj persone la duan parton de l'Historio de Esperanto de Dro Privat. La Sekretario, Sro Van Ghendt, ankaŭ laŭdis Sron de Boes speciale nome de la Rozenhof'a grupo kaj legis la telegramojn senditajn de «Belga Ligo», «Rozenhof'a grupo», «Orient Klubo», Genta Grupo kaj Sroj Schoofs kaj Hansch, direktoro de la mondfama firmo «Hellensens», kiu ankaŭ sendis belegajn florojn. Kortuŝita, Sro De Boes dankis pro la ne forgesebla vespero kaj admonis la ĉeestantaron praktike labori por nia movado kaj por Al Triumfo kaj ĉiam resti lojala al la memoro de nia kara Majstro Zamenhof. Sekvis brila koncerto dum kiu oni tre aplaŭdis Finojn Poppe, Vanhaver, Vanhoyweghen, Algoet, Vanhavermaet, Quasters kaj ankaŭ la tre humoraĵn kantojn de Sro Van Ghendt. Intima balo finigis tre malfrue tiun agrablan kaj sukcesplenan vesperon.

# 20a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## KAJ 4a SOMERA UNIVERSITATO

### (3-11 Aŭgusto 1928.)

La organiza komitato jam komencis siajn preparojn por nia proksimjara kongreso universala. Post la propagando farita dum la Danziga kongreso, venis jam aliĝoj de preskaŭ 100 Esperantistoj el 14 diversaj landoj.

En la nuna numero de «Belga Esperantisto» niaj legantoj trovos aliĝilon kun unuaj informoj. Kongresmarko kaj kongrespoŝtkarto estas nun presataj kaj eliros en Decembro proksima. Dum tiu monato ankaŭ, la aliĝiloj estos sendataj al la eksterlandaj Esperantistaj gazetoj.

Por la kongresanoj belgaj, membroj dum 1928 de Belga Ligo Esperantista, la kotizo estas **cent sesdek frankoj.**

Pluaj komunikoj kaj informoj utilaj estos publikigataj en «Belga Esperantisto» kolekto 1928, kiu komenciĝos en Januaro proksima.

Belgaj Samideanoj,

Komencu nun vian propagandan laboron por la 20a, sendu jam aliĝilon al viaj eksterlandaj korespondantoj kaj instigu ilin viziti Antverpenon en Aŭgusto 1928 !

# 20a Universala Kongreso de Esperanto

ANTVERPENO - 3 ĝis 11 Aŭgusto 1928 - ANTVERPENO

*N-ro* ..................

## ALIĜILO

*Mi subskribint(in)o aliĝas al la 20a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. Mi nun pagas por :*

*mia Kongreskarto* .................................................... **Belgojn 35.—** (1)

..............*kongresmarkoj (po* **1 Belgo** *por 100)* „ ..................

..............*kongrespoŝtkartoj (po* **1 Belgo** *por 50)* „ ..................

..............*kolektoj de* **30 ilustritaj poŝtkartoj pri Antverpeno** *kun historiaj notoj en Esperanto po* **1 Belgo** *por ĉiu kolekto* „ ..................

*sumon de :* **Belg.** ..................

*per poŝtĉeko* (2) *- per poŝtmandato - per bankĉeko - per monbiletoj (sumo en nacia mono* (3) ..................*) en registrita letero.*

*Familia nomo* (4) *(S-ro) (S-ino) (F-ino)* ..................

*Personaj-, antaŭ- aŭ baptonomoj* (4) ..................

*Profesio* (5) ..................

*Nacieco* (5) ..................

*Strato* (4) .................. *N°* ..................

*Urbo* (4) ..................

*Provinco* (4) .................. *Lando* (5) ..................

*Rimarkoj :* ..................

..................

..................

*Dato :* *Subskribo :*

.................. *192* ..................

(1) 35 Belgoj = 175 belg. frankoj, aŭ 125 francaj frankoj, 20 ŝilingoj, 21 Germ. markoj, 25 Svisaj Frankoj, 12 1/2 Nederl. guldenoj. 5 Usonaj Dolaroj.

(2) Ĝiroj al la kongresa poŝtĉekkonto : **Bruselo 2027.24** estas fareblaj el Danujo, Luksemburgo, Germanujo, Nederlando, Sudslavio, Ĉeĥoslovakujo, Svislando. — Ni preferas pagon per poŝtĉeko aŭ per poŝtmandato.

(3) Ni akceptas nur belgajn, francajn, anglajn, germanajn, svisajn, nederlandajn kaj usonajn monbiletojn.

(4) En nacia lingvo. (5) En Esperanto. **Vidu dorsflanken.**

SKRIBU TRE LEGEBLE—PREFERE PER SKRIBMAŜINO.

UZU APARTAN ALIĜILON POR ĈIU PERSONO.

1-12-1927.

## 20a UNIVERSALA ESPERANTO-KONGRESO - ANTVERPENO

SEKRETARIEJO : *11, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien*

Poŝtĉekkonto : 2027.24 TELEFONO : No 543.74

TELEGRAFA ADRESO : *"Esperanto"*

BANKO : *Banque d'Anvers, An. Soc., Antverpeno*

# GRAVAJ INFORMOJ

1. — Tuj post la ricevo de la kotizo la Loka Kongresa Komitato sendos provizoran karton al la kongresano. Iu, ne ricevinta en bona tempo sian provizoran karton, estas petata sciigi tion al la komitato.

2. — Ĉiu kongresano ricevos senpagan abonon al "Belga Esperantisto" dum 1928. Tiu revuo publikigos la kongresajn informojn, la nomaron de la aliĝintoj, laŭ ilia alveno, la raporton pri la kongreso, k.t.p.

3. — Ĉiu kongresano ricevos la kongresajn dokumentojn senpage, sed nur post la tago de sia enskribiĝo kun pago. La tiam jam aperintaj dokumentoj estos sendataj nur laŭ ebleco. Frua enskribo estas do rekomendata.

4. — En konvena tempo ĉiu kongresano ricevos diversajn mendilojn por loĝado, kongresaj eldonaĵoj, k.t.p.

5. — Ĉiujn leterojn kaj pagojn al la Kongreso oni sendu nur rekte al la Kongresa adreso :

**20a Kongreso de Esperanto**
**Kleine Hondstraat, 11**
**ANTVERPENO (Belgujo)**

| Rezervita por la kongresa oficejo : | |
|---|---|
| *Ricevita :* ........................ | *Mono* ........................ |
| *Al Poŝtĉeko :* ........................ | |
| *Al Banko :* ........................ | |
| *Provizora karto sendita :* ........................ | |

Presejo de "BELGA ESPERANTO-INSTITUTO", Antverpeno.

# BELGA GAZETARA STATISTIKO

Dum Oktobro ni ricevis 40 artikolojn pri Esperanto el 20 gazetoj de 8 lokoj: 19 en franca kaj 21 en flandra lingvo.

Eltranĉaĵojn sendu al nia revuo kiel eble plej baldaŭ kaj regule!

---

## EL NIA RONDO

---

# GRATULOJ

Sro GERARD DE BOES, Prezidanto de la grupo «Al Triumfo» de St. Nikolao, Delegito de U. E. A., edziĝis la 19an de Novembro, kun Fino Irma Buttenaere.

Sro M. DE MOERLOOZE edziĝis kun Fino G. JORIS, ambaŭ membroj de la grupo «Al Triumfo» de St. Nikolao.

Sro F. DE VYLDER, membro de sama grupo, kun distingo sukcesis la ekzamenon ĉe la teknika lernejo.

Tutkorajn gratulojn al ĉiuj!

---

# NEKROLOGO

Fraŭlino JEANNE DOUTRELINGNE,kasistino de la Genta Esperanto-klubo «La Progreso», mortis la 24an de Oktobro. Ŝi estis 41-jara kaj sian tutan vivon dediĉis al bonfarado: ŝi estis vizitistino de la malriĉuloj kaj flegistino de la Ruĝa Kruco de Belgujo. Ŝi ricevis la medalon de la Venko kaj la rememorigan medalon. Ŝi estis agema Esperantistino kaj ne ŝparis sian helpon, kunlaborante en la grupaj festoj per sia pianista talento kaj gvidante kurson de Esperanto, lastan jaron. Ŝi estis afabla, modesta kaj altkora.

Al ŝiaj malfeliĉaj plorantaj gepatroj kaj gefamilianoj Belga Ligo Esperantista prezentas siajn profundajn kondolencojn.

Sinjorino P. L. Auguste LUYTEN, patrino de Sro John Luyten,membro de «La Verda Stelo», mortis la 11an de Novembro. Ni prezentas al nia kara membro kaj al lia familio niajn plej sincerajn kondolencojn.

---

# SOMERA NOKTO

PROSPER VAN LANGENDONCK.

Ho! dancadis geviroj en tiu domar',
En garbejoj per punt-foliar' onamitaj!
Mallaŭtiĝis nun senkonsciiga bruad',
Dum ni iris vilaĝen en sonĝoj perditaj.
Ĉu memoras vi pri tiu nokt' en somer',
Pri l'beleg-etendita ĉiel' super ter'
Kaj la rava trankvil' ne per bru'malhelpata,
Perdiĝinta kampar' en arĝenta vualo,
Pri folio-flustrad' fandiĝante en dolĉ'
Kun l'ondanta kantad' de l'mumura sekalo?

———

Ho! dancadis geviroj en tiu domar'!
Ni reiris laŭ kampoj, arbetaj bariloj.
Refreŝigis l'odor' de la tera fruktar'
Nun laŭlule portata sur ventaj flugiloj.
Ĉu memoras vi pri tiu nokt' en somer'?
Ni pensadis... Ho! vi ja pri kia esper'?
Sed mi, pri l' feliĉa bonsort' de l'kampano,
La senmelankolie vivĝoja egalo,
Kaj parolis natur' per sveniga fortec'
El l'ondanta kantad' de l'murmura sekalo.

———

Ho! dancadis geviroj en tiu domar'!
Sed reiris ni nun en silent' dolĉanime,
El la brust' ellasiĝis nek vort' nek ĝemet',
Sed kuŝigis sur min vi kapeton esprime.
Ĉu memoras vi pri tiu nokt' en somer'?
Mi momenton sopiris al vi en sincer'.
Kaj volonte ekjurus al vi mian amon!
Ve! la urb' al mi gestis — alloga fatalo!
Sufokiĝis por ĉiam kis' brula de mi
En l'ondanta kantad' de l'murmura sekalo.

———

Ho! dancadis geviroj en tiu domar'!
Kampulin' vi nur estis, vi blonda, gracia!
Kaj mi knab' forkurinta okaze de l'urb',
Ne vundita ankoraŭ per mondo pasia.
Ĉu memoras vi pri tiu nokt' en somer'?
Ĝi ankoraŭ revivas en mia penser'
Moliĝinta kun sia ĉiel-mira brilo,
Kaj ŝvebadas plend' akra nun pro l'idealo
Ho, perdita maisaĝe, la vera feliĉ',
Sur l'ondanta kantad' de l'murmura sekalo.

El la flandra: HECTOR VERMUYTEN.

# LA HUNGARA KANTO KAJ LA CIGAN-MUZIKO

Kiam la eksterlandano aŭdas pri la hungara kanto, pri hungara muziko, li multfoje identigas ilin kun cigana muziko.

Estis tempo, kiam kulturo, arta kaj literatura vivo de Hungarujo, ja ĉiaj produktaĵoj de ĝi nur tra unu filtrilo povis enigi la kulturkomunecon de la grandaj eŭropaj nacioj. Tiu filtrilo estis dum jarcentoj la unueco aŭstra monarĥejo, kiu senigis la hungaran popolon ne nur de ĝia ŝtata sendependeco sed ankaŭ de ĝia kultura, literatura kaj arta manifestado.

Kiam oni ne povis laŭcele trafiltrigi grandulojn de nia nacio, kiuj ektrovis la vojon por ili mem al la granda eŭropa kulturkomuneco, oni klopodis veki la dubon pri genio de niaj naciaj granduloj, kaj se ankaŭ tio ne sukcesis, oni neis, ke ili estas Hungaroj. Hungarlando laŭ eklumigo de tiu ĉi klopodo unu peco de Azio estis kaj la hungara popolo estis nekultura kaj senpova amaso por la kulturiĝo.

De tio devenas tiuj fabeloj laŭ kiuj Hungarujo estas patrolando de la rabistoj kaj ciganoj, kie ne estas vidinda interesaĵo krom la ĉevalaristo, papriko kaj vino. Ĉi tiel estiĝis la fabelo ke Francisko Liszt, la plejgranda hungara artisto ne estas Hungaro sed aŭstriano; kaj ke la hungara kanto ne estas hungara sed cigana. Ankaŭ Tissol konis Hungarujon kiel ciganan landon. Eĉ Liszt li mem, certigis pri la hungara kanto ke ĝi devenas de Ciganoj. Do ne estas stranga, ke tio iĝis ĝenerala opinio.

Kio estas la vero? La Hungaro batalis, kulturis sian terpecon kaj — amuziĝis. Tiel okazis dum multe da jarcentoj: milito, laboro, — funebro kaj amuziĝo. «Hungara sorto» oni diras pri tio en Hungarujo. Kaj la Cigano, kiu nenie ekkonis la ideon de la patrujo kaj ĉie estis pario, senhejmulo kaj malrespektata, en Hungarujo profesion, okupadon, ja patrolandon trovis. La sorto de la subpremata, plendanta kaj ĝojanta, ploranta kaj amuziĝanta Hungaro kortuŝis la sendependan, liberan animon de la Cigano kaj la muziko de la hungara kanto ekinspiris lian violonon kaj tiel li iĝis violonisto de la hungara nacio.

La Hungaro ne povis kaj ankaŭ nune ne povas vere amuziĝi sen cigana violonisto kaj oni nomis la hungarajn kantojn, kiajn en Hungarujo profesiaj ciganmuzikistoj ludadas: cigan-muzikon. Ankaŭ Liszt

nur aŭdis tiajn kantojn, ĉar la Hungaro profesie neniam muzikis- kaj pri kantoj, li skribis sian faman libron en kiu li certigis ke la hungara kanto de la cigan-muziko devenis.

Li forgesis ke ankaŭ la Ciganoj havas apartan, specialan, nacian poezion arton kaj muzikon. Verŝajne li ne sciis, ke la Cigano inter ili mem neniam ludas, tiujn kantojn, kiujn ili por amuzigo de aliaj profesie ludas. La veraj,tielnomataj migrantaj ciganoj neniam muzikos melodiojn pri kiujn oni volus legitimi la ciganan devenon (ekz. la hungaran muzikon).La migrantaj Ciganoj kantas siajn specialajn melodiojn nur kiam inter ili ne estas fremdulo (cigane «parus» blankulo).

A. Hermann dum unu somero vivis inter migrantaj Ciganoj. Pri sia studado li faris raporton por la 1891a Londona folklorokongreso:

1) Melodiojn de propraj popolkantoj la Ciganoj nur kantas sed tre malofte ili ludas ilin per instrumentoj; ili kutimas ludi melodiojn de aliaj popoloj per violono sed nur escepte ili mem kantas.

2) La esencaj motivoj, — melodio kaj ritmo — de la cigantekstaj kantoj de la hungaraj Ciganoj, plikorekte de la Ciganoj kiuj vivas en Hungarlando kaj parolas hungare, estas identaj je la karakterizaj motivoj de la hungaraj popolkantoj. Tio estas la sama ĉe la t.n. rumanaj, slovakaj kaj serbaj Ciganoj kaj ankaŭ ĉe la alilandaj Ciganoj, se oni povas konkludi el la malmulto da notoj.

3) Tamen la melodioj de popolkantoj de diversaj Ciganoj enhavas ian specialan komunan ciganan tipon. Tiuj ĉi specialaj ciganelementoj troviĝas en la perviolone ludata muziko de aliaj popoloj. Tiuj ĉi elementoj tamen apartenas pli al subjektiva kolorigo de la prezentado. Ili estas kunfanditaj kun la melodio en la ciganaj kantoj.

4) La ciganaj muzikistoj ciganigas la originalajn popol-melodiojn de iu popolo; tial ili falsigis detale la veran hungaran muzikon.

5) La Ciganoj neniokaze povas esti kreintoj de la muziko de iu popolo.»

Multaj novaj esploroj atestis la valoron de la raporto de A. Hermann.

Nun kiam radio ĉiutage dissendas melodion de la hungara kanto mi kredis necese dediĉi kelkajn vortojn al ĉi tiu demando kaj eklumigi pli ĝuste la internacian opinion rilate al mia patrujo.

PUSKAN ISTVAS (Budapest.)

---

## FILOZOFIO

La nuboj minacas
En alta ĉielo:
Kapegoj grimacas
Dum filma akcelo.

Ruliĝas dum ploroj,
Aŭ rid' aŭ sopiro,
Kaj pekoj, doloroj,
Aŭ ĝoj' aŭ deziro.

Konvulsiaj vizaĝoj,
Per vent' en ĉielo,
En eternaj vojaĝoj
Pelataj sen celo.

Vetkuron ebrian!
Dum metas, ho Dio!
La unu l'alian
Piedbaton sub...io.

Kaj tiel la homo
En vivo-ĉielo
Ŝvebadas, atomo;
Ja sort-pulĉinelo.

Hometojn admiru,
Komikecon ĝis morto.
Nur saĝe deziru
Bonhumoron en sorto!

TYNEVERUM.

## SCIENCA KRONIKO.

# ĈU ONI POVAS REVIVIGI LA MORTINTOJN?

Ho certe! Ŝajnas, ke tio estas ebla!

El Vieno alvenis la rakonto pri eksperimento, pri kiu oni malpleje povas diri, ke ĝi estas mirakla, mirindiga, — aldonu ĉiujn kvalifikojn, kiujn ajn kaj vi estos ankoraŭ sub la vero.

Estas parolate, efektive, pri invento de Dro Eisenmauger, direktoro de l'Viena Instituto kuraca leĝa; ĝi konsistas el aparato nomita de li «Wiederbelegungsaparat», tio estas aparato por revivigi la mortintojn.

Tiu aparato, tre lerte kunmetita, kombinas kaj samtempe agigas la diversajn procedojn uzatajn ĝis nun por provoki artamaniere la movojn de l'koro kaj reokazigi la sangrondiradon: kormasaĝo, ritma tirado de l'lango, enŝpruco de serumo, de salplena akvo, de globulino, de andrenalino, k. c.

Virino estis mortinta de preskaŭ kvar horoj, ekzakte de ducent dudek-kvin minutoj. Dro Eisenmauger aplikis al la kadavro sian revivigan procedon. La lango, prenita de pinĉilo, estis ritme tirata, la koro kaj la ventro estis fortike masaĝataj, samtempe unu litro da serumo estis verŝita en vejnon de l'brako.

Post unu horo, la pulso reekbatis kaj oni vidis la sangon cirkuli sub la haŭto.

Oni scias, ke multnombraj estas la okazoj en kiuj estaĵoj montrantajn ĉiujn signojn de la morto, estis preskaŭ enterigitaj. Sed ĝenerale estis personoj falintaj en letargio,en katalepsio,kaj kiuj reekvivis propramove, sen ia ekstera helpilo.

La afero estas tute malsimila, kiam tiu rezultato estas akirita per kuracaj zorgoj specialaj, per sciencaj aplikoj kiel tiuj, kies raporto venas el Vieno kaj faritaj sur personoj konsiderataj kiel nepre mortintaj, sekve de malsano aŭ de traŭmatismo.

Oni citas la okazon de grafo Le Danois, kiu, konsiderita kiel mortinta kaj enterigita sur la batalkampo de Malplaquet, estis elterigita, laŭ la peto de lia patrino,kaj revivigita; tiun de malŝalo d'Ornamo,subneĝiĝinta dum la militreveno de Rusujo, liberigita de unu el siaj oficiroj kaj liverita al ĥirurgiisto Larrey, kiu sukcesis rerondirigi la sangon en tiu korpo, kiu ŝajnis esti plu nur kadavro.

La analoj de l'kuracarto citas okazintaĵojn similajn. Ni citu ankoraŭ la jenan rakontitan de Dro Coudard: «En 1885, diras tiu kuracisto, mi estis vokata je la kvara matene, ĉe klienton sesdekjaran, kiun mi kuracis koncerne duoblan pneŭmonion. Kiam mi alvenis, oni sciigis al mi, ke la malsanulo estis ĵus mortinta. Dum tuta horo mi faris ĉion eblan por revivigi lin, kaj nesukcesinte, mi ekforiris, post redakto de l'mortatesto. Veninte malsupre de la ŝtuparo,min kaptis terura emocio, je l'penso pri la malfeliceĝo de lia filino, kuraĝa sepinfana virino forlasita de sia edzo, kaj havanta nur siajn brakojn kiel mongajnigilojn. Mi resupreniris kaj aplikis al la malsanulo la martelon de Mayor, ĝis profunda brulado de l'haŭto en la regiono de l'koro. Subite,mi rimarkis movon de l'palpebroj; mi daŭrigis apliki ĉiujn stimulajn rimedojn, tiamaniere, ke viro, kiun mi konsideris kiel kadavron, reviviĝis kaj fine resaniĝis».

En preskaŭ ĉiuj okazoj de revivigo la rezultato estis akirita per fizikaj rimedoj uzitaj de ĉiam en tiaj cirkonstancoj tio estas per frotadoj, langtiradoj, masaĝoj en la regiono de l'koro aŭ per fortegaj reagadoj sur la haŭto de l'persono. Oni devas atingi la lastajn jarojn por ke estu aldonataj al tiuj procedoj la grandkvanta enverŝo de serumoj, kaj la enŝpruco de iaj substancoj kapablaj eksciti la movojn de la koro.

Tamen, antaŭ kvardeko da jaroj, tiu lasta rimedo estis, ŝajnas, uzita sukcese.

Tio okazis dum 1887, en Chicago. Virino konsiderata kiel mortinta post nasko estis revivigata. «Mi faris unue, raportas la kuracisto kiu realigis tiun miraklon, ĉiujn klopodojn ordinarajn, sed sen sukceso. Dek minutoj estis forpasintaj de la mortiĝo,kiam mi ekhavis la ideon provi enŝprucigojn de miksajo de nitro-glicerino. Mi enŝprucis dek gutojn kaj mi observis la efikon, tenante mian poŝhorloĝon en la mano. Je la tria minuto ses spirmovoj kaj preskaŭ neperceptebla korbato okazis: la sekvantan minuton, sentebla pulsobato; poste la vizaĝo reakiris

sian rozan koloron, la okuloj ekrulis en siaj kavoj; la muskoloj perdis sian kadavran rigidecon, la membroj iom post iom malstreĉiĝis kaj la mortintino reekhavis sian konscion...»

Tiu rakonto, je la epoko kiam ĝi alvenis el Chicago, estis konsiderata kiel neverŝajna. Nuntempe, post la faktoj okazintaj de tiam, ĝi naskis certe, ne la indiferentecon sed la scivolemon de la scienculoj.

Efektive, okazis aferoj pli rimarkindaj, denove en Chicago. Kuracisto el tiu urbo, Dro Georges W. Crile, certigas, ke li revivigis personojn deklaritajn mortintaj de duona horo, dank'al adrenalino enŝprucita, ne simple sub la haŭto, sed en la koron mem.

Adrenalino estas eltiraĵo el surrena glando, kies funkcio en la vivo ne jam estas plene konata; sed oni scias jam pro eksperimentoj, ke ĝia efiko estas, removigi koron haltintan; efektive la operacio farita de Dro Crile, estas ankaŭ provita, en la malsanulejo Laribosière, sur juna virino, kies koro ĉesis bati en la momento mem, kiam oni estis ŝin operacionta, kaj la rimedo plene sukcesis.

Nune, la homo estas malpli rezignata antaŭ la morto ol estinte. Li estas pli bone armilprovizita por malkovri ĝiajn kaptilojn kaj por ilin kontraŭbatali, kaj li ekkapablas uzi siajn armilojn. Certe oni ne povas esperi venki ĉiam la morton, sed tiel longe kiel ĝi ne tute finlaboros sian efikon,oni ne devas ĉesi la luktadon,kaj estas direble,ke revivigoj kiel tiuj, kiujn ni citis, estas ĉiam eblaj, se ekzistas ĉe la paciento neniu anatomia difekto nekunigebla kun la vivo.

Artikolo subskribita ERNEST LAUT
tradukita el «La Flandre Libérale», de L. COGEN.

---

## ESPERANTO FACILA.

# KIEL LA LUNO ALVENIS EN LA ĈIELON

### Papua legendo:

### La «lumvirino» el la akvoasamo kaj ŝia forflugo al la ĉielo.

Antaŭ tre longe, tiel rakontas la Papuoj de l'Nordbordo, la luno ne jam estis en la ĉielo, sed loĝis en profunda akvoamaso en la mezo de l'arbarego.

Iun tagon, viro venas proksime je tiu akvoamaso, rimarkas la fruktodonan teron ĉirkaŭe kaj decidas starigi tie kulturejon. Pisangojn kaj ĉiuspecajn terfruktojn li tie plantis kiuj bele elkreskis kaj promesis doni al li kaj lia familio multkvantan nutraĵon, tiel ke dum longa tempo li ne plu devus zorgi pri kio ajn. Sed, iam, kiam la kulturaĵoj ekmaturiĝis kaj kiam li ekpensis pri la endomigo de la rikolto, ŝajnis al li ke dumnokte iu venis en lian ĝardenon kaj estis forŝtelinta gran-

dan parton el la plej maturaj fruktoj. Porkoj tion certe ne faris, ĉar la ĉirkaŭbarilo estis tro alta. Ĉiun sekvantan nokton okazis la samo, tiamaniere ke la viro kaj lia familio nenion akiris el sia bela ĝardeno.

Tiam la viro decidis gardadi dumnokte en la ĝardeno por vidi, kiu estis la rabanto. La sekvantan nokton li do sin kaŝis kaj jen li subite vidis aperi el la profunda akvoamaso virinan formon disradiigantan blindigantan lumon. La virino eniris la ĝardenon, tiris retsakplenon da fruktoj kaj delasis sin denove kun sia ŝtelaĵo en la akvon.

Tiam la viro kunvokis ĉiujn siajn najbarojn kaj rakontis al ili, ke en la akvo loĝas lumvirino, kiu forrabas ilian rikolton kaj ili decidis senfisiĝi la akvon per siaj fiŝretoj kaj tiel kapti la virinon. Ĉiuj iris al la bordo de l'akvo kaj traserĉis ĝin per siaj retoj, sed ili trovis nenion. Poste, malgrandaj knaboj estis senditaj en la akvon por penetri ĝis la fundo kaj tiel suprenigi la virinon. Sed ankaŭ ili trovis nenion. Tiam revenis la fileto de l'ĝarden-posedanto kaj li subakve penetris ĝis la plej malhelajn angulojn de l'lagetfundo. Tie li trovis grandan rondan lumdonan ŝtonon. Li volvis ĝin singarde en tukon kaj kunprenis sian trovaĵon, nenion dirante al la siaj. Alveninte hejmen, li kuŝis la belan ŝtonon nerimarkite en grandan akvopoton de sia patrino, kaj surmetis fortikan kovrilon, tiel ke la ŝtono ne povis forkuri. La sekvantan tagon, kiam la homoj reiris al la akvoamaso por serĉi, li vokis siajn amiketojn kaj diris: «Venu por vidi kiel belan aĵon mi trovis!» Tiam li deprenis la kovrilon de l'akvopoto, sed la lumdona ŝtono profitis je tio por salti el la akvo kaj sidiĝi sur la rando de l'poto tiel ke la tuta kajuto estis lumplena. La knaboj provis por denove kapti ĝin en tukojn, sed la ŝtono saltis sur la trabon de l'kajuto tiel ke ili ne plu povis atingi ĝin.

Kiam la viroj revenis de sia esplorado ili vidis la kajuton plenan je lumo kaj la rondan ŝtonon sidantan sur la trabo. Kelkaj prenis siajn lancojn kaj penis kapti la ŝtonon, sed la luno — ĉar ĝi estis la luno — grimpis sur la supraĵon de l'dometo, por poste, kiam ili ekpafis per sagoj, transsalti sur altan arbon, tiamaniere ke la tuta ĉirkaŭaĵo estis hele lumigata.

La homoj kriis al ĝi malsupreniri kaj resti kun ili, sed la luno ne plu fidis al ili kaj respondis: «Mi iras pli supren, al la ĉielo kaj de tie mi donos lumon; sed kiam ĉefo mortos aŭ granda katastrofo estos okazonta, tiam mi signalos tion!» Kaj tiam la luno saltis de arbopinto sur preterflugantan nubon kaj grimpis de tie ĉiam plî alten al la ĉielo.

Kaj ĝis nun ĝi ne forgesis sian promeson kaj avertas la homojn pri alvenante malbonaĵo kaŝante subite kelktempe sian brilan vizaĝon. «Tiam estas luneklipso» diras la Blandaoj, sed la Papuoj scias ,ke tio signifas, ke baldaŭ granda ĉefo devos morti.»

El «Gazette van Gent». Tradukis L. COGEN.

HUMORO.

# LA BONA KONSILO

Kamparano havis filon, kiu faris sian militservon en Bruselo. Kelkan tempon post la fino de tiu servo, la patro mem estis ironta al la ĉefurbo. Lia filo konsilis al li:

«La homoj en la ĉefurbo, paĉjo, estas tiel ŝercemaj, tiel trompemaj, ke vi devas daŭre atenti kaj ĉiam fari la malon de tio, kion ili diras al vi. Tiamaniere vi ĉiam alvenos al la celo de viaj klopodoj.

La patro, kiu havis grandan respekton por la sperto de sia filo, promesis al si mem, ĉiuokaze sekvi la bonan konsilon de sia infano.

Li alvenis en la Norda Stacidomo de Bruselo kaj petis al urbano, kiu tramo veturos lin al Laeken, antaŭurbo de la ĉefloko. La Bruselano tuj indikis la N-on 81-an.

Konsekvence al la ricevita rekomendo, li saltis sur la 18an kaj... alvenis en Laeken. (Ambaŭ veturiloj iras tien!)

Por reveni, li denove petis la vojon. Oni montris al li la N-on 18an kaj... li veturis per la 81an.

Dum la veturado li vidis la hotelon, kiun lia filo rekomendis al li kaj volis salti de la tramveturilo, kompreneble en la kontraŭa direkto. La kolektisto kriis: «Mi ne konsilas tion al vi, sed se vi tamen volas salti, saltu almenaŭ alimaniere!»

La kampanaro, kredante senti novan ruzon,kaj memorante la bonajn rezultatojn de la sekvita fila konsilo, saltis laŭ sia ideo — kaj falis la postaĵon en la koton.

La kolektisto, kiu haltigis la veturilon, timante acidenton, kriegis kolere:

«Nu! Vi vidas...»

Sed la provincano jam respondas: «Vi malgraŭ ĉio ne kaptis min! Se mi ne estus memorinta la bonan konsilon de mia filo, mi tute certe estus falinta la vizaĝon unue en la koton!

Laŭ Brusela rakonto.

WODOSO.

---

# EKSTERORDINARA ATESTO !

Iu viro, kiu promenis en la proksimeco de loko, kie ŝtelisto sin okupis, kaj vidis la forkuron de la kulpulo, — kaj do ankaŭ la kulpulon mem, — estis vokita kiel atestanto antaŭ la juĝisto.

Post la kutima demandaro pri nomo, aĝo, metio ,kaj tiel plu, la juĝisto diris:

— «Klarigu nun, mia amiko, kiel aspektis la homo, kiun vi vidis.»

— «Jes, Sinjoro, mi bonvolus tion fari, sed estis malhele; mi nur vidis ĉapon, profunde tiritan sur la okulojn, mallongan surtuton...»

— «Ĉu vi ne rimarkis ion pli interesan: lipharojn, vangharojn, nazon?» demandis la juĝisto.

— «Ne... aŭ, tamen... li pezas sepdek-kvin kilogramojn.»

Nun la ĉiam flegma oficisto suprensaltis pro mirkonsterno. «Kiamaniere vi scias tion? Kiun valoron havas via atesto?...»

— «Bonvolu leviĝi kaj mi diros al vi vian pezon», diris la atestanto.

La juĝisto leviĝis.

— «Vi pezas okdek-ok kilogramojn, Sinjoro», deklaris la stranga atestanto.

— «Jes, ja, ... certe», respondis la pli kaj pli mirinta magistrato, kiu sin pezis ĵus antaŭ kelkaj tagoj en kafejo, — sed... kiel vi scias tion?»

— «Mi kutimas taksi la porkojn», estis la modesta respondo de la atestanto.

Oni diris, ke la juĝisto ne permesis al sia registristo enskribi la respondon, kaj ke li rakontis ĝin nur post ses monatoj. Estis tute komprenebla!

Laŭ Antverpena juĝisto: WODOSO.

---

TRA LA MONDO.

# NIA PROGRESADO

**KIU OKUPAS SIN PRI ESPERANTO?** — Okaze de l'40-jara jubileo de Esperanto estas interese scii, kiu okupas sin pri Esperanto. Inter la 1000 partoprenintoj el 36 landoj en la 19a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazis antaŭ ne longe en Danzig, troviĝis inter alie: 5 politikistoj, 58 scienculoj, 110 profesoroj, instruistoj kaj pedagogoj, cento da ŝtatoficistoj, inter kiuj multaj oficistoj de P. T. T. kaj de l'fervojo, 23 advokatoj kaj notarioj, 33 kuracistoj, 14 pastroj, 22 redaktoroj kaj ĵurnalistoj, 64 komercistoj, industriuloj, bankieroj ktp. ktp. kaj pli ol 150 studentoj kaj lernantoj. I. E. S.

**UNU SOLA TRADUKA LINGVO EN LA INTERNACIAJ KONGRESOJ.** — En la 4a Kongreso por la Nova Edukado, kiu okazis en Locarno en la monato septembro, la malhelpo de l'lingvoj kaj la neceseco de internacia helpa lingvo estis treege sentebla. Estis decidite utiligi Esperanton kiel solan lingvon por tradukado en la proksima kongreso en Kopenhago kaj organizi grupon por diskutado en Esperanto. Pluraj partoprenintoj devigis sin reciproke, studi Esperanton por paroli aŭ almenaŭ kompreni ĝin.

La sama decido estas farita por la Universala Kongreso de Religioj, kiu okazos en Hago la 1 aŭgusto 1928, la Internacia Kongreso de la Pacifista Junularo, okazonta la 16 aŭgusto 1928 en Ommer kaj la Internacia Kongreso de l'Kristan-Socialistoj, la 1 septembro 1928 en Le Locle.

La Internacia Kongreso de l'Abstinentaj Fervojistoj, kiu estis aranĝita de 30 junio ĝis 2 julio en Stockholm, unuanime adoptis rezolucion favore al Esperanto. Okaze de l'6a Kongreso de la Laborista Sport-Internacionalo en Helsingfors (Finlando) la ministro de l'Eksteraj Aferoj salutis la kongresanojn de div. nacioj en finlanda kaj en Esperanto, internacia helpa lingvo de l'kongreso. I. E. S.

PROKRASTITAJ TELEGRAMOJ EN ESPERANTO. — Kiel sekvon de la allaso tutmonda de Esueranto kiel lingvo klara la P. T. T.-administracio de Danzig (IV. H./26.7.27.) decidis permesi la uzadon de Esperanto por la «prokrastitaj telegramoj». La nombro de lingvoj permesitaj estas tre limigita. Tiuj telegramoj (sole allasitaj por transmar-landoj) devas porti la indikon L. C. O. I. E. S.

LA POŜTO KAJ ESPERANTO. — Okaze de la 40a jubileo de Esperanto la poŝto de U. S. S. R. eldonis artan poŝtmarkon kun la bildo de Dro Zamenhof, aŭtoro de Esperanto. La oficialaj kovertoj por «leteroj fermitaj» ankaŭ portas, de post kelka tempo, la oficialan enskribon en Esperanto. I. E. S.

ESPERANTO EN LA LERNEJOJ DE L'SAAR-TERITORIO. — La Registara Komisiono de l'Saar-Teritorio, Sekcio de Kultoj kaj de l'Publika Instruado publikigis la sekvantan dekreton. (J. Nro 11 990/27. 18.727.):

« Al la direktoroj de l'Superaj Lernejoj, la rektoroj de la Mezlernejoj kaj la prezidantoj de la lernejaj reprezentantaroj:

» Ni konsentas, ke Esperanto estu enkondukata kiel fakultativa instrua fako en la superajn kaj mezajn lernejojn. Kie troviĝas instruistoj, kapablaj instrui Esperanton, tie la enkonduko povas okazi jam dum la nuna instrua jaro. Rekomendinda estas dumjara kurso enhavanta du lecionojn posemajne en iu meza klaso, ekzemple en la malsupra dua klaso (10a instrua jaro). Kurso por instruistoj pli malfrue estas intencata. (Subskr. Dro COLLING.)

I. E. S.

ESPERANTO EN RADIO. — En sia kunsido de l'29 septembro 1927 en Como la Konsilantaro de la Internacia Unio de Radiofonio adoptis unuanime novan rezolucion favore al Esperanto, el kiu ni citas la ĉefan eron:

« Konsiderante, ke Esperanto estas potenca helpilo por la interkompreniĝo kaj la alproksimiĝo de l'nacioj, la Konsilantaro invitas denove la membrojn de la Unio dediĉi plej grandan atenton al tiu ĉi lingvoj kaj antaŭ ĉio konservi ĝian instruadon en siaj programoj:

» Memorigante la rezolucion de la Ĝenerala Kunsido de l'12 majo en Lausanne, la Konsilantaro rekomendas al la membroj, turni sin al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en Ĝenevo — en kontakto kun la sekretariejo de la Internacia Unio de Radiofonio —

kiu metis sin al la dispono de l'stacioj por indiki al ili la lokajn kunlaborantojn - esperantistojn kaj kiu estas preta ankaŭ publikigi internacian horaron de l'disaŭdigoj en Esperanto por faciligi la sukceson de la entrepreno. I. E. S.




## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

### TERITORIO : BELGLANDO

La Asocia jaro de U. E. A. finiĝas la 31an de Oktobro. Ĉi sube niaj legantoj trovas ĉiujn informojn pri la kotizoj por 1928.

Por la Belgaj membroj la Komitato de U. E. A. konsentas ankoraŭ gravajn favorkotizojn en 1928. **Membro: Bfr. 16.—; Membro-Abonanto: Bfr. 40.—; Membro-Subtenanto: Bfr. 175.—.**

Tiuj membrojn (malnovaj kaj novaj), kiu pagos antaŭ la 31a de Decembro 1927, povos elekti premion de 2 libroj — valorantaj almenaŭ Bfr. 7.—, laŭ tabelo I de la prespekto kiun sendos la ĉefdelegito kaj delegitoj al ĉiu petanto! La novaj membro-abonantoj plie ricevos de nun senpage la gazeton ĝis januaro.

Ni tre rekomendas aliĝi kiel **membro-abonanto:** La gazeto «Esperanto» havigas, krom belegaj literaturaĵoj kaj sciindaĵoj, regulan kronikon pri la stato de nia movado en la tuta mondo. Petu per simpla poŝtkarto senpagan specimeman numeron de la organo.

Varbanto de nova membro rajtas ricevi plian premion ,laŭ tabelo 3 de la prospekto.

**Pagante tuj kaj varbante nur unu novan membron vi reakiros do grandan parton** de via propra kotizo.

### INTERŜANĜA FAKO DE U. E. A.

Sekvante la deziron de multaj interŝanĝistoj U. E. A. restarigis la ekzistintan — Interŝanĝan Fakon — tiom bone prosperintan antaŭ la milito. Povas aliĝi ĉiu ano de U. E. A. paginta la kotizon por la kuranta jaro kaj la specialan kotizon de ano de l'interŝanĝa fako. Tiu kotizo estas Frk. b. 8.—, la duono de la kotizo de simpla membro. Interŝanĝa fakano rajtas:

1. Aperigi dufoje sian nomon kun deziro de interŝanĝo, maksimume 20 vortoj kun la adreso. Tiu «Interŝanĝa Adresaro» aperos en INTERŜANĜA BULTENO eldonata laŭ la bezono sed almenaŭ kvarfoje dum la jaro.

2. Ricevi la Interŝanĝan Bultenon, kvarpaĝa informilo de interŝanĝistoj kun varia enhavo, dum unu jaro.

LA NASKIĜTAGO DE ZAMENHOF (15an de Decembro) :

# LA TAGO DE LA LIBRO

Laŭ deziresprimo de la 19a universala kongreso en Danzig, ĉiu Esperantisto mendu la 15an de Decembro almenaŭ unu Esperantan libron aŭ broŝuron. La Belgaj samideanoj sendu sian mendon per simpla poŝtĉeka pagilo al «Belga Esperanto-Instituto», Antverpeno (Nº 1689.58), kaj ne forgesu skribi dorsflanke la detalojn pri la mendo.

**JEN LISTO DE MENDEBLAJ LIBROJ, PREZOJ AFRANKAJ.**

| | | |
|---|---|---|
| **Fundamento** (kvinlingva), de L. L. ZAMENHOF ............ | B.fr. | 7,— |
| **Fundamento** (flandra lingvo), de L. L. ZAMENHOF ......... | » | 3,— |
| **L'Esperanto en dix leçons,** de CART & PAGNIER ......... | » | 4,— |
| **Het Esperanto in tien Lessen,** de A. J. WITTERYCK ........ | » | 2,— |
| **Premier Manuel d'Esperanto** ........................................ | » | 0,50 |
| **Leerboekje van Esperanto** ................................................ | » | 0,50 |
| **Ilustritaj Rakontetoj,** de A. KENNGOTT ............................ | » | 5,— |
| **Internacia Dialogaro,** de diverslandaj aŭtoroj ................... | » | 5,— |
| **Esperanto-Examenopgaven,** de J. C. ISBRUCKER-DIRKSEN | » | 3,50 |
| **Formortinta Delsuno,** de R. VERMANDERE .................... | » | 5,— |
| **La Amuzistoj,** Miguel ZAMACOIS .................................. | » | 5,— |
| **Bietje,** Maurits SABBE .................................................. | » | 2,50 |
| **Kaatje,** Paul SPAAK ...................................................... | » | 10,50 |
| **Devo de Reĝo,** de Nestor DE TIERE ................................ | » | 2,50 |
| **La Ŝipeto,** J. DE VOS ..................................................... | » | 2,50 |
| **Kvar monologoj** de Oscar VAN SCHOOR : « La Telefono », « La Servistinoj », « La Turisto kun la Verda Stelo », « Judas'o » (4 libretoj) ......... | » | 4,— |
| **Propaganda korespond-materialo kun Esperanto-blazono :** | | |
| 10 leterfolioj, 4º aŭ 8º, kun 12 kovertoj ................... | B.fr. | 1,50 |
| 12 grandformatoj poŝtkartoj .............................................. | » | 1,— |
| 10 poŝtkartoj « **La Espero** » kun muziko ........................ | » | 1,— |
| **Poŝtkartoj pri Antverpeno kun historiaj klarigoj en** Esperanto, 3 diversaj serioj de 10 kartoj, ĉiu serio, po | » | 1,25 |
| 100 **vizitkartoj** nigre presitaj kun verda steleto .......... | » | 10,— |
| 1 kaŭcuka stampilo « **Korespondo en Esperanto** » .......... | » | 3,50 |
| 100 **sigelmarkoj** ..................................................................... | » | 2,— |
| Propagandfolieto : **Esperanto in een oogslag** ......... 100 ekz. | » | 3,— |
| **Esperanto en un coup d'œil** ...... 100 ekz. | » | 3,— |
| **Vortaro de Kabe, verkita plene en Esperanto** .................... | » | 13,50 |

Dictionnaire Complet Esperanto-Français, ........................ » 10,50
de E. GROSJEAN-MAUPIN

» » Français-Esperanto, » 21,—

» Usuel Esperanto-Français, » » 5,25

» » Français-Esperanto » » 10,50

Cours élémentaire pratique d'Esperanto, de BECKER & GROSJEAN-MAUPIN ........................................ » 5,—

Cours méthodique d'Esperanto. Grammaire Complète, Cam. AYMONNIER ........................................................ » 5,—

Versions, par C. AYMONNIER & GROSJEAN-MAUPIN ... » 5,—

Thèmes, » » » ... » 5,—

Lingvaj Respondoj (Plena kolekto) de L. L. ZAMENHOF ... » 8,50

Fundamenta Krestomatio ............................................ » 17,—

Proverbaro Esperanta ................................................ » 8,50

Fabeloj de Andersen, traduko de Zamenhof (2 vol.) ĉiu vol. » 10,50

George Dandin, de Molière » » 5,—

Hamleto, de Shakespeare, » » 8,50

Ifigenio en Taŭrido, de Goethe, » » 10,50

La Rabeno de Baharaj, de Heine, kaj La Gimnazio, de Ŝalom Aleihem » 6,75

La Rabistoj, de Schiller » » 10,50

La Revizoro, de N. V. Gogol » » 10,50

Marta, de Eliza Orzeszko » » 17,—

La Biblio (Malnova kaj Nova Testamento), .....................
trad. de L. L.ZAMENHOF » 55,—

La Predikanto, (el « La Biblio ») ..................................... » 1,70

Lastaj Tagoj de Zamenhof ............................................. » 2,—

Idoj de Orfeo, de BULTHUIS ........................................ » 15.—

Verdaj Fajreroj, de Romano FRAENKEL ......................... » 2,—

Sableroj, de Marie HANKEL ........................................ » 2,50

La Mansanulo pro Imago, de MOLIERE ......................... » 2,50

Krucumo, de Aleksandro DROZDOV ................................ » 2,50



3. Uzi la servon de peranto por interŝanĝoj de valoraj objektoj, poŝtmarkoj, gazetoj, kolektaĵoj, k. t. p.

Ĉiu ano de la Interŝanĝa Fako ricevas specialan membrokarton, valorantan por unu jaro. La aliĝoj estu transdonotaj al la lokaj Delegitoj. Por la teksto oni uzu la folion aldonitan, transdonu ĝin al la Delegito aŭ al la ĉefdelegito. La unua Bulteno aperos dum januaro 1928 kun interesa enhavo kaj bela adresaro.

---

Jen la statistiko de la Belga membraro en U. E. A. dum la lastaj jaroj: 1921 — 67; 1922 — 74; 1923 — 77; 1924 — 83; 1925 — 160; 1926 — 190; 1927 242.

Estis esperate atingi la nombron 300. Kun iom da helpo ĝi estos atingita en 1928!

---

Kotizon pagu al la poŝtĉekkonto de via loka delegito. Se tiu ne ekzistas ankoraŭ en via loko, sendu ĝin al poŝtĉekkonto 284.20 de la ĉefdelegito: Fr. Schoofs, Antverpeno.

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

ABELKULTURISTOJ. — Kiu volas helpi al disvastigo de Esperanto inter gravaj rondoj de abelkulturistoj en Ĉehoslovakio, sendu vidaĵojn (poŝtkartojn aŭ fotografaĵojn) pri abelejoj aŭ ĵurnalajn artikolojn tradukitajn Esperantlingve pri abelkulturado, ekspozicioj de abelaĵoj, komerco de mieloj kaj vaksoj, k. t. p. al Sro Brihay, 44a rue de l'Orge, Bruselo. — Plej ampleksaj sciioj haveblaj ĉe la sama adreso.

FILATELIO. — Anti-tuberkulula poŝtmarko. — De la 15a de decembro 1927 ĝis la 15a de januaro 1928, la belga poŝtadministracio eldonos specialan antituberkululan poŝtmarkon, profite de diversaj societoj, inter kiuj ni speciale citas la blindulan societon fonditan sub la aŭspicoj de la Konstanta Konsilanta Komitato por plibonigo de la Blindulsorto. Pro la malmulteco de la presnombro, tiuj poŝtmarkoj fariĝos baldaŭ multvaloraj.

Ni ne dubas, ke multaj kolektantoj deziros posedi ĉi tiujn poŝtmarkojn. Bonvolu antaŭmendi (po serioj) ĉe subskribinto, aldonante monsumon.

Ĉiu serio enhavas 4 p. m.: 0.20 — 0.10; 0.30 — 0.10; 0.50 — 0.10; 1.75 — 0.25 — sume: 2.75 — 0.55 — 3.30 bfr. po serio — sendkostoj.

Hendricx Victor. sekr. de la K. K. K. P. B., 52, rue du Repos, Uccle. Bruselo.

TUTMONDA ESPERANTISTA KURACISTA ASOCIO. — La Esperanta movado en la kuracistaj rondoj konstante pliboniĝas en la lastaj jaroj. Sed laŭ nia ĝisnuna sperto tre ofte la kuracistoj kaj apotek-

istoj ne aliĝas al nia asocio ĉar ili nenion scias pri la ekzisto de T. E. K. A. kaj pri ties grava scienca fakorgano la «Internacia Medicina Revuo», aperanta en Lille (Francujo) sub la ĉefredaktado de Prof. Vanverts, kun vere internacia kunlaborantaro (Adreso de redakcio kaj administracio: Dr Biquet, 31, rue de La Bassée, Lille).

La asocio havas anojn kaj abonantojn en multaj landoj de la mondo,sed ĝi bezonas havi ilin en ĉiu lando, en tiu urbo. Tial ni petas, ke niaj samideanoj kuracistoj, apotekistoj, medecin- kaj farmacistudentoj, kiuj ne ankoraŭ aliĝis tion tuj faru. La suprecitita redakcio sendos senpage provnumeron. La gazeto kostas nur 1 dolaron jare. Per abono oni fariĝas samtempe membro ordinara aŭ membro aprobanta de T. E. K. A. Sin turni al Sro Dro Kempeneers, ĝen. sekr., 20, rue aux Laines, Bruselo.



---

# BIBLIOGRAFIO

POLLANDO KAJ GDANSK. Ilustrita Gvidlibro tra Pollando kaj Libera Urbo Danzig (Gdansk). Eldonita de Pollanda Esperanto-Delegitaro. Krakow. 1927. 128 paĝoj 12 × 17 cm. Havebla ĉe «Pola Esperantosto», Smolenska 9, Krakow. Prezo nemontrita. Lukse eldonita kaj multilustrita gvidlibro, kiu estos sendube bonega propagandilo por la pola lando.

LA EDUKADO DE LA INFANOJ PRI PACAJ PRINCIPOJ, de E. Madeline Wood. 12 paĝoj 14 × 21 cm. Eldonis 1926: Beatty, Richardson & Co. National Mutual Building, 350, George Street, Sydney (Aŭstralio). Prezo nemontrita.

ZAMENHOF - RADIKARO kun Derivaĵoj koj Fontindikoj. Eugen Wuester. Prizorgita de Paul Kirschke. 84 paĝoj 17 × 25 cm. Eldonis 1927: Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Prezo: Rmk 6.—.

Plej detala kaj konscienca studo pri la radikoj uzitaj de Dro Zamenhof en siaj diversaj libroj kaj artikoloj. Tiu libro estas nova valorplena dokumento por la Esperanta lingva tekniko.

AUSTRALIO. LANDO KAJ POPOLO. — Originale verkita de A. Delsudo kaj Lauri Laiho. 96 paĝoj 14.5 × 21 cm. kaj 31 krompaĝoj ilustritaj kaj 1 landkarto. Tola luksa bindaĵo. Prezo: Rmk. 6.50. Eldonis 1927: Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig.

Tiu libro donas plej interesan kaj plej vivoplenan priskribon pri la Aŭstralia mondparto. La aŭtoroj per trafa lingvo raportas pr ĉiuj

flankoj de la vivo, komerco kaj industrio en tiu regiono. Ĝi estas unu el la plej interesaj dokumentoj kiujn ni posedas en nia lingvo. Kiu legis la verkon bonege konas la vivkondiĉojn, kun iliaj rozaj kaj dornaj anguloj. La aŭtorojn ni gratulas pri ilia belstila produktajo kaj la eldonistojn ni danku pro la nova arta ellaboraĵo, kiun ili prezentas al mi.

HISTORIO DE LA LINGVO ESPERANTO. — DUA PARTO. — La Movado 1900-1927. De Edmond Privat. 199 paĝoj 12.5 × 18.5 cm. Tole bindita. Eldonis 1927: Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Prezo: Rmk. 6.—. — Granda manko estas nun forigita el nia movado. Tiu libro alportas al ni la ilon por tuj instrui la novajn propagandistojn, profesorojn kaj eĉ simplajn Esperantistojn, kiuj uzas la lingvon nur por siaj intelektaj aŭ praktikaj celoj, pri la gravaj faktoj okazintaj dum la unuaj kvardek jaroj de nia historio. Ni ne faru grandajn kaj elektitajn frazojn por laŭdi la libron kaj la verkiston. La nomo de la aŭtoro kaj la firmo de la eldonisto plene sufiĉas! Sro Privat eldonis unuan parton de tiu historio,kiu iras ĝis la jaro 1908.La nuna,dua parto enhavas jenajn ĉapitrojn, kiujn ni ĉiujn citas por montri la grandan gravecon de la enhavo: Disvastiĝo en Okcidento (1900—1903), Uzo parola. Unua Kongreso (1904 — 1905), La Bulonja Deklaracio (1905), Kongresaj diskutoj. Fondo de la Lingva Komitato (1905), Fondo de Centro Oficejo (1906), Dua Kongreso en Genève. La Fakoj (1906), La Kresko. Tria Kongreso en Cambridge (1907), La Delegacio (1907), La Rompo (1908), Fondo de U. E. A. (1908), Reorganizo de la Lingva Komitato. Kvara kaj Kvina kongresojn (1908 — 1909), Trans Oceano (1906 — 1909), La organiza Batalando (1911—1913), La 25jara jubileo (1912), Dum la Milito (1914 - 1917), Post la Milito (1919 — 1921), Instruado en Lernejoj (1908 — 1921), La Kontrakto de Helsinki (1922), Uzo en Komerco. Venezia Konferenco (1921 — 1924), La Nova Organizo. Amaskongresoj (1923 — 1924), Ĉe la Laboristoj (1921 — 1925), Ĉe la Ligo de Nacioj (1921 — 1924), Uzo en Radiofono (1923 — 1925), Uzo en Sciencoj kaj Tekniko (1925), Internacia Laboroficejo. Universala Telegrafa Unio (1920 — 1925), La «Someraj Universitatoj» (1925 — 1927), Literaturo, Evoluo de la Lingvo, Unueco kaj Potenco de la Lingvo.

Tiu nova libro de Sro Privat estas vera kurso pri la Esperanto - movado, kiun ĉiu samideano volos legi kaj eĉ studi.

HET ESPERANTO IN VIJF LESSEN, met oefeningen en sleutel, door A. J. Witteryck, 32 paĝoj 9 × 17.5 cm. Prezo: 0.40 Fr .— Agrable eldonita kaj efike kunmetita propaganda broŝuro.

NOVA AFRIKO de Th. Monnens, S.J., Esperantigis Floriano. El la Kolekto «Xaveriana». Eldonis «Espero Katolika» 55, rue du Vaugirard, Parizo VIa. 24 paĝoj 9.5 × 15.5 cm. Prezo Fr. Fr. 1.50. — Interesega estas la kompatinda historio de tiu mondparto, kiu estis la sklavomerkato de l'mondo dum kvar jarcentoj, ĝis kiam la eklezio alportis al ĝi

la ĝojan anoncon. La verketo de Monnens ekvidigas la reviviĝon de tiu nigr-haŭta popolo, kiu laboradas por sia savo.

ESPERANTO - SCHLUESSEL, laŭ nova aranĝo kun malgranda komerca vortareto. 32 paĝoj 7.5 × 11 cm. Prezo: Rmk. 0.10. Eldonita de Ellersiek & Borel, G. m. b. H., Berlin SW. 61.

ENKONDUKILO en la fundamentajn regulojn de la mondlingvo Esperanto. 24 paĝoj 8.5 × 13 cm. Prezo: 1 respondkupono .Eldonis Esperanto-Junularo. A. Neupert, Wedellstrasse, 17, Leipzig N. 23, Germanujo. — Per simplaj ekzemploj la lernanto divenas la ĉefajn regulojn kaj notas ilin nacilingve sur apartaj blankaj paĝoj apud la Esperanto-teksto. Simpla pratika klarigo de la tekniko de Esperanto.

UNIVERSALA REĜECO DE JESUO-KRISTO. — Enciklika Letero de Lia Papa Moŝto Pio XIa. El Latina lingvo tradukis Pastro Jos. Schmidt. 32 paĝoj 10 × 15.5 cm. Prezo: Fr. fr. 1.50. Eldonis Espero Katolika, 55, rue de Vaugirard, Parizo VIa.

ESPERANTA KRESTOMATIO el verkoj de diversnaciaj aŭtoroj.Kolektita de M. S. Valentinov. 32 paĝoj × 17 cm. Eldono de Ĥersona Esperantista Societo. Ruslando. 1921. Traduko de malgrandaj literaturaĵoj: anekdotoj, rakontoj, ŝercoj, k.t.p. Prezo nemontrita.

EL ESPERANTO, propaganda broŝuro de «Societo Kuba por la Propagando de Esperanto». 8 paĝoj 21 × 28 cm. Bonega kaj bele prezentita propagandilo por nia lingvo.

DIE ESPERANTO - SPRACHE AUF EINEM BLATTE, Wörterbuch, Grammatik, Aussprache und Wortbildung, zusammengestellt von J. Borel. Eldonis Ellersiek & Borel, Berlin. Prezo: Rmk. 0.15 por 10 ekzempleroj.

COMMON COMMERCIAL TERMS IN ENGLISH & ESPERANTO. — Eldonis The Esperanto Institute Limited, Welwyn Garden City, Herts. 16 paĝoj 12.5 × 18.5 cm. Prezo 6 pencoj. Vortareto de la plej multe uzataj komercaj terminoj, laŭ alfabeto ordigitaj.

PRI LANDNOMOJ, la Sistemo de Dro Zamenhof. Japana eldono. 4 paĝoj 12.5 × 18 cm. Eldonis 1927. Kokusaigo - Kenkjŭ-Ŝa.

POPULARAJ KANTOJ EN JAPANIO. — Kolekto Unua. 18 paĝoj 12.5 × 18 cm. Eldonis 1927 Kokusaigo-Kenkjŭ-Ŝa. Traduko de 9 kantoj. Prezo ne montrita.

HUMOR' DE L'MONDO EN ESPERANTO. — WELTHUMOR IN ESPERANTO. — Prilaborita de Dro Emil Pfeffer. Nro 6 de la «Dulingva Libraro» Serio Esperanta-Germana, eldonita de Tagblatt-Biblioteko Steyermühl, Vieno I, Wollzeile 20. 96 paĝoj 12 × 18.5 cm. Prezo: 80 Groŝojn. — Granda kolekto de bonaj humoraĵoj eltiritaj el diversaj lingvoj. Krom okazo por amuzi la libro donas ankaŭ humoraĵon por lerni nian lingvon laŭ praktika maniero, pro tio, ke ĉiu humoraĵo estas akompanata de la germana traduko.